FEDERACION·ESPERANTISTA·ESPAÑOLA
H E F

Año II (N.º 13)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 1

ENERO 1950

Ruzafa, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# MIRANDO HACIA DENTRO

Los grandes movimientos espirituales, que no llevan aparejados el inmediato logro de beneficios materiales, están condenados, en su iniciación por lo menos, a ser mantenidos por minorías. Estas minorías tienen que ser forzosamente muy exiguas si, además, se les exige algún sacrificio por pequeño que sea.

Esto mismo ocurre con el esperantismo, que, lejos de producir beneficios inmediatos, requiere de sus afiliados el sacrificio de un estudio que, aunque agradable, no conduce en breve plazo a la obtención de una ganancia monetaria, ni de un puesto bien retribuído.

Por ello, es halagador observar como, a pesar de estos inconvenientes, el número de los que se enrolan en nuestra filas lleva un ritmo progresivamente consolador, a pesar del actual concepto materialista de la vida. Ello nos lleva a deducir, con sobrada razón, que la humanidad no es tan mala como nos lo quieren hacer creer los sempiternos pesimistas.

Superada la fase inicial, al ser reconocida por todos la pacífica e inofensiva doctrina que, por medio del idioma auxiliar internacional, propugnamos desde hace más de medio siglo, podemos hoy decir que, salvo el gran escollo del indiferentismo ambiental, los únicos enemigos del esperantismo son... los mismos esperantistas. La paradoja queda aclarada por la simple consideración de la deficiente labor proselitista de muchos esperantistas actuales.

Todo buen «samideano» debe ser, en lo posible, un hombre perfecto en su modo de vivir, trabajar y desenvolverse en la sociedad. Respecto al idioma en sí, un buen esperantista debe tener siempre un afán creciente de perfección lingüística; debe ser un constante usuario del idioma con los demás esperantistas, correcto y serio corresponsal con los extranjeros y ferviente—y oportuno—propagador del Esperanto entre los no iniciados. En una palabra: todo esperantista debe ser siempre un modelo de ciudadanos, tanto en el terreno individual como social.

En otro aspecto, hay viejos esperantistas que se empeñan en perdurar como esperantistas viejos; es decir: desesperanzados, abatidos e inutilizables para la propaganda y el ejemplo. ¿Acaso creyeron, al enrolarse en nuestras filas, que iban a tocar la meta al primer impulso de su entusiasmo? ¿Es que nuestro ideal no se supera cada día, ofreciéndonos satisfacciones que pagan con creces los pequeños sacrificios que por él hacemos? Un poco de entusiasmo, y volverán a sentirse jóvenes, ya que el esperantismo lleva consigo la savia pujante de un árbol que produce sabrosos frutos, que pueden llamarse: fe y acción, voluntad y energía que, ligados con la fuerza de la propia confianza, estimula el dinamismo de las potencias creadoras, lo cual significa tanto como poseer el soñado talismán de la eterna juventud...

Sin embargo, esos frutos no pueden darse cuando el árbol crece aisladamente; necesita cultivarse en un huerto bien cuidado, en apretadas hileras, para que todo el ramaje enlazado cause una impresión de orden y fortaleza, capaz de conmover el indiferentismo de la gente y de fijar la atención de las autoridades docentes del mundo entero. Sólo así, sacudiendo el polvo del cansancio y del egoísmo, es como podremos dar la sensación de que el esperantismo es un movimiento y no un recuerdo. Sólo así podremos preparar nuevas generaciones de abnegados idealistas, que harán posible el logro de nuestros anhelos, que el actual desquiciamiento moral nos niega. Ese es nuestro deber, en esta hora del mundo, y ningún esperantista, joven o viejo, capaz o ignorante, rico o pobre, debe eludir su cumplimiento.

¡No olvidemos que la fe es capaz de mover las montañas!

**La hispana esperantismo eniras en la novan jaron kun plia entuziasmo en sia konvinko, ke, per diligenta klopodado de la tuta membraro, en kompakta unueco, ne mankos al nia bela idealo la meritita premio de plej brila sukceso!**



# DANLANDO, BELEGA LANDO

**Originale verkita por nia Bulteno de HENK VALCKENIER, Nederlanda gazetisto, kiu nun veturas tra Danlando**

Jam dum kelkaj monatoj mi vagadas tra Danlando, kaj pli kaj pli mi ĝin amas. Multaj eksterlandanoj, kiuj vizitas la landon, volonte volas loĝi en tiu norda lando. Mi intencis travagi la landon bicikle, sed post la unuaj 40 kilometroj, mi metis mian biciklon flanken. Preskaŭ la tuta lando estas monteta. Nur la insuleto Amager estas ebena kaj havas la saman aspekton kiel Nederlando. Kiam mi, plenkuraĝe, komencis bicikli de Kopenhago al Frederikssund, mi ĝuis pri la altaĵoj kaj la valoj; sed, post kelkaj horoj, mi ne plu povis vidi altaĵon. Ĉar tuj kiam mi rimarkis, ke la vojo kondukis supren, mi saltis de mia biciklo kaj trenis min kaj mian biciklon ĝis la supro, kaj tiam mi denove saltis sur la biciklon, ĉar bicikli malsupren, tion mi bone povas! Preskaŭ ĉiuj danoj posedas biciklon. Ĉu vi konas la sekvantan veran historion? : «Iu anglo vizitis Kopenhagon. Post lia vizito kaj reveno en Londono, ĵurnalisto intervjuis lin :

—Kio estas, laŭ vi, la plej interesa afero en Kopenhago?

La anglo pensis momenton, kaj post tio li respondis :

—La bicikloj!

—Ĉu la bicikloj?, demandis la ĵurnalisto.

—Jes, respondis la anglo. Oni diris al mi, ke ĉiuj bicikloj apartenas al la ŝtato. Kiam oni bezonas biciklon, oni prenas unu, kaj post la uzado vi postlasas ĝin sur la strato. Mi faris tion dum du semajnoj, kaj la afero bonege funkciis!»

Karaj legantoj, vi komprenas, ke tio ne estas vera. La bicikloj ne apartenas al la ŝtato. Sed tiom da bicikloj, laŭlonge de la ŝtuparoj kaj muroj, oni ne vidas en iu alia lando. Sed ĉiuj bicikloj aspektas terure. Ĉar la plimulto de la posedantoj lasas siajn biciklojn sur strato, dumtage kaj dumnokte. Kiu ŝatas la skulptarton, tiu devas viziti Danlandon. Ne nur en la grandaj muzeoj, ekzemple : Thorvaldsenmuzeo, oni povas admiri la plej belajn statuojn, sed en multaj grandaj kaj malgrandaj urboj, oni povas trovi la plej belajn statuojn kaj monumentojn, sur la stratoj kaj en la parkoj. Vi certe konas la ĉarman rakonton «La Virineto de l' Maro» de H. C. Andersen. (D-ro Zamenhof tradukis ĝin en Esperanton). Tiu virineto estas la plej populara virino en Danlando. Vi povas ŝin trovi ĉe la havenbordo de Kopenhago, kie ŝi sidas sur granda ŝtono, dum la marakvo kantas sian eternan kanton. La mondfaman skulptaĵon kreis Edv. Eriksen. Kristnasko estas por la danoj la plej grava festo. Oni komencas fari preparojn, jam en la komenco de Decembro. Oni feste ornamas la hejmojn, eĉ la stratojn. Sur la placo antaŭ la urbodomo, en ĉiu urbo kaj vilaĝo, oni starigas grandan kristnaskarbon. Kaj vespere multaj elektraj lampetoj ĝin lumigas. La grava momento estas ĉe la vespero de la 24a de Decembro. Tiam oni transdonas donacojn, unu al la alia, oni kantas kaj dancas, ĉirkaŭ la kristnaskarbo, kaj... manĝas. Precipe oni manĝas, ne, manĝegas! La danoj povas bone manĝi, sed ĉiu festo estas kaŭzo manĝi iom pli. Mi ne kuraĝas diri, ke la danaj viroj estas dikaj, ĉar povas esti, ke ili estos ofenditaj, se mi skribas tion. Tial mi petas vin, karajn legantojn : venu al Danlando kaj faru kontrolon! Eble vi jam aŭdis aŭ vidis, ke la danaj virinoj tre multe fumas. Sed ne nur cigaredojn, ankaŭ dikajn fortajn cigarojn. Tio estas tre inte resa vidindaĵo. En tramoj, vagonaroj, restoracioj kaj en la hejmoj, aŭ kie ajn ili estas subite ili prenas el skatolo cigaron, ekbruligas ĝin kaj... fumas. Kaj oni povas trank vile diri, ke fumanta virino estas bona virino, ĉar ŝi estas feliĉa kaj ne kverelas dum la fumado. Paroli pri Danlando kaj ne diri unu vorton pri la Esperanto-movado, ne estas ebla. Antaŭ kelkaj semajnoj aperis tute nova vortaro «Dansk-Esperanto», kom pilita de niaj tre simpatiaj gesamideanoj Elisabeth kaj Harald Grønborg. Boneg libro, kiun la danaj Esperantoj certe bezonas. La vortaro rikoltis jam multe da laŭdo. Kaj la verkistoj Paul Neergaard kaj Poul Thorsen senlaĉe verkas altnivelajn artik lojn en gazetoj kaj revuoj. Se Esperanto ne venkas en Danlando, certe ne ili kulpas

# GRANDES ACTIVIDADES ESPERANTISTAS EN AUSTRIA

**Acabamos de recibir una interesante carta de la Federación Esperantista Austríaca, de la cual damos a continuación una traducción extractada.**

**Viena 30 Diciembre 1949**

**A la Federación Esperantista Española (Valencia).**

**Estimados samideanos:**

La entrada del año 1950 es para nosotros un grato motivo de enviarles cordiales saludos y sinceros deseos de muchas prosperidades a todos sus asociados.

El esperantismo austríaco puede considerar el pasado año como un año de satisfactorios éxitos, gracias a la valiosa ayuda de las instituciones oficiales, culturales y sindicales del país, que apoyaron, no sólo moralmente, sino también generosamente, con sendas subvenciones, al esperantismo austríaco. Permítasenos mencionar algunos de estos hechos:

El Jefe del Gobierno, Canciller Dr. Figl, subscribió personalmente la declaración en que se solicita a la ONU la aceptación del Esperanto, así como también el ministro de Instrucción, Dr. F. Hurdes, los cuales, como dirigentes del partido político más fuerte del país, en nombre de sus 650.000 adheridos, hicieron la misma petición. Nuestra Federación está oficialmente subvencionada por el Gobierno. Por otra parte, la reciente emisión de un artístico sello de Correos, exclusivamente dedicado a la exaltación del Esperanto, es una prueba más de la simpatía que, por nuestro idioma internacional, siente el Gobierno, el cual acaba de invitar oficialmente a las instituciones rectoras del Esperantismo a que se celebre en Graz, el año próximo, el 36 Congreso Universal de Esperanto.

Merecen especial agradecimiento: el Director General de Correos Dr. Dworschak, Presidente Honorario de nuestra Federación, activo y entusiasta esperantista, y nuestro Presidente efectivo y ministro, Dr. Frenzel. En Viena ha sido rotulada, con los máximos honores una céntrica plaza con el nombre de Plaza del Esperanto. Durante el pasado año también tuvo lugar una gran Exposición Esperantista bajo los auspicios del Ayuntamiento vienés. En la Universidad hubo un curso de conferencias acerca de problemas relacionados con la necesidad de un idioma auxiliar internacional. Celebrándose además la primera Asamblea internacional de los Ferroviarios esperantistas.

Hay que mencionar también el magnífico funcionamiento de todas las filiales de nuestra Federación, a través de todo el territorio austríaco, con una aplicación práctica de nuestro idioma. Tres estaciones de Radio (dos en Viena y una en Graz) van a comenzar en el año en curso selectas emisiones en Esperanto. Y de ningún modo hay que olvidar las comisiones oficialmente creadas, por el Estado, para los exámenes de capacitación esperantista en Viena, Insbruck, Graz y Salzburgo. Y como final les anunciamos ya el próximo Congreso Nacional que tendrá lugar en Viena del 27 al 30 de Mayo, al cual quedan invitados como congresistas de honor, sin pago de ninguna matrícula, todos los esperantistas extranjeros que quieran honrarnos con su visita.

Dispuestos, pues, a la colaboración esperantista, recibiremos con agrado toda clase de sugerencias, deseando además tener con ustedes un intercambio de carteles y folletos.

Con un saludo cariñoso a su bello país, con nuestro deseo de máximas prosperidades, saluda y firma por la Directiva de la Federación Esperantista Austríaca,

El Vice-Presidente,
Rajm. CECH

# EL ESPERANTO Y LA JUVENTUD

La Organización Mundial de la Juventud (T. J. O.), que celebró su Congreso internacional de 1947 en Ypswich (Inglaterra), de 1948 en Groet (Holanda), de 1949 en Versalles (Francia), celebrará su Congreso de 1950 en Constanza (Suiza), teniendo como tema principal de estudio «El Esperanto y la Juventud».

Durante este año, en Noruega se han mantenido 8 cursos de Esperanto con participación de más de 150 personas.

En Turín (Italia) se han celebrado 18 cursos, con 600 participantes.

En Fredericia (Dinamarca), 8 cursos, con 153 asistentes.

En Atenas (Grecia) más de 1.600 estudiantes han cursado el Esperanto en la Universidad y distintas escuelas superiores durante el pasado curso.

Para ayudar a la implantación de la enseñanza del Esperanto en las escuelas berlinesas, donde puede estudiarse libremente desde el 7.º grado escolar, se ha recibido mucho material docente, donativo de los esperantistas suecos.

El director de la Escuela Superior de Maestros de Hengel (Holanda), ha decidido la introducción del Esperanto, como asignatura de curso obligado, a causa de que el Ministro de Educación holandés se muestra propicio a la enseñanza del Esperanto en las escuelas, cuando exista suficiente número de maestros.

**El Esperanto permite conocer la extensión del mundo entero, sin necesidad de viaje alguno**

# TRADUKADO

**En la sveda gazeto «Malgranda Revuo» aperis jena artikolo, de ties redaktoro-eldonanto Stellan Engholm, kiun plezure ni represas kun la rekomendo legi atente tiel interesan enhavon pri oportuna temo por la esperantistaro.**

Tradukanto devas perfekte scii la lingvon, en kiun li tradukas; kaj li devas perfekte skribi en ĝi. La tuta ĝenerala vorttrezoro devas esti viva en lia menso, kaj li devas funde koni ĉion pri vortoj kaj frazkonstruado. Li devas havi viglan imagon pri vortoj kaj esprimoj, por ke li trovu kaj elektu tion, kio plej bone redonas la originan tekston.

Vortaroj estas necesaj. Sed ili estas laborrimedoj, kontroliloj kaj sugestiloj. Sole per zorga vortaruzado oni ne povas fari bonan tradukon.

Tradukanto de belliteraturo devas krome havi verkan talenton. Tradukado estas lingva rekreado. Liaj redonaj esprimkapablo kaj lingva fantazio devas egali al la originale kreantaj de la verkinto. Por traduki altnivelan belliteraturon estas krome necesaj vasta kaj funda kompreno por bellitelaturo ĝenerale, kaj speciala sento por la stilo kaj la enhavo de tradukotaj verkoj.

Tio estas la plej grava en tradukado.

Tradukanto devas kontentige scii ankaŭ la lingvon el kiu li tradukas, sed li ne bezonas scii ĝin same bone, kiel sian traduklingvon. Sufiĉas, se li certe scias la signifon de ĉio en la tradukota verko. Se li havas bonan ĝeneralan scion pli la koncerna lingvo, bonaj vortaroj povas helpi en la plej multaj lokoj, kaj por la restantaj necertaĵoj li povas havigi informojn. Tiel estas kreitaj ĉiuj tradukoj en naciaj lingvoj, eĉ la plej perfektaj de la plej gravaj kaj plej altnivelaj verkoj.

Esperantisto ordinare tradukas el sia gepatra lingvo. Tial la tekstaj malfacilaĵoj en tradukota verko estas malmultaj kaj facile venkeblaj. Sed la kondiĉoj por bona tradukado estas same severaj kiel tiuj, kiuj validas por nacilingva tradukanto.

Se la tradukanto havas la menciitajn kvalitojn, estas tamen necesa multe da ekzercado, pri diversaj temoj, en diversaj stiloj. Okazan, negravan tradukon povas fari kiu ajn lingvolerta homo. Por fari tradukon kun literatura pretendo la tradukanto devas esti pli malpli fakulo. En tradukado, same kiel en ĉiuj laboroj, nur daŭra kaj serioza okupiĝo pri la afero donas la bezonatan lertecon.

Ne malofte neperfektaj esperantistoj, precipe novaj kaj junaj fervoruloj, faras tradukojn kaj aspiras pri aperigo. Ĉu konsili ilin atendi, ĝis ili estos perfektaj? Apenaŭ. Ĉiu evoluas en sia maniero. kaj kiu emas lerni, tiu lernas eĉ de propraj malsaĝaĵoj.

La supre donitaj principoj havas sencon kaj signifon por evoluinta lingvoflegado, por ni ĉiuj, kiuj jam estas pli malpli spertaj kaj lertaj kaj komprenas la gravecon de lingvouzo, kiel eble plej bona. Tiuj gvidprincipoj estas kaj restos idealo, ĉe ni kiel en naciaj lingvoj, nur malofte atingebla. Sed ju pli ni atentas pri tiu idealo, des pli ni proksimiĝos al ĝi.

* * *

Tradukanto devas plene adapti sin al tiu lingvo en kiun li tradukas, uzi ĝian vortprovizon kaj ĝian sintakson, sekvi la ĝeneralajn lingvokutimojn. Tio estas en nacia lingvo afero tiom memkomprenebla, ke oni ĝenerale ne niom pensas pri ĝi. Angla traduko e alia lingvo estas el lingva vidpunkt des pli bona, ju pli bona estas la angl lingvo en ĝi.

En Esperanto oni povas trovi tra dukojn, kiuj donas la impreson, ke l tradukanto adaptis ne sin al Esperant sed Esperanton al la lingvo, el kiu tradukis. Eble ne estas strange, se i esperantaj tradukantoj opinias, ke E peranto povas elaste adapti sin al koncerna nacia lingvo kaj sekvi ĝin e frazkonstruoj, esprimmanieroj, ritn

ktp, tiel ensorbante kaj plene redonante la spiriton de tiu lingvo. Oni senbride laŭdis la kvalitojn de Esperanto kiel traduklingvo, ĝian kapablon ĉiel redoni nacilingvajn originalojn. Iuj tradukantoj povas el tio facile konkludi, ke esperanta traduko el iu nacia lingvo devas esti kvazaŭ transformado de Esperanto por la specialaj bezonoj de tiu lingvo.

Esperanto estas memstara lingvo kun propraj kvalitoj. Tradukanto devas antaŭ ĉio respekti Esperanton kaj adapti sin al ĝi. Se esprimo aŭ frazo ne estas rekte redonebla en Esperanto, la tradukanto nek kripligu nek komplikigu Esperanton por fidele imiti la originalon. Esperanta traduko devas el lingva vidpunkto antaŭ ĉio esti esperante bona.

* * *

Naciaj skribitaj literaturoj ofte, verŝajne plej ofte, komenciĝas per tradukoj. Sed eĉ la plej perfektaj tradukoj ne estas propra literaturo de tiu lingvo, en kiu ili troviĝas, ne estas esprimo de propra spirita vivo de la popolo, kiu legas ilin. Eĉ mezbona kaj mankohava verko originala havas por la popolo kaj la lingvo tute alispecan kaj multe pli gravan valoron ol tre altnivelaj tradukoj.

S. ENGHOLM

# ESPERANTO KAJ LITERATURO

**El redakcia artikolo de «Nederlanda Esperantisto» ni represas fragmenton, kiu iel kompletigas kelkajn asertojn de samideano Engholm en tiu lia bona artikolo pri la tradukado.**

En la unuaj jardekoj, post la naskiĝo de Esperanto, pluraj kontraŭuloj profetis ĝian baldaŭan morton, dirante «lingvo sen literaturo ne estas vivipova», sed feliĉe ankaŭ Zamenhof kaj la aliaj pioniroj el la komenca periodo tion komprenis. Guste, ĉar Esperanto estis lingvo praktike buŝe ankoraŭ malmulte uzata, ili elektis la literaturon kiel ĉefan agadkampon. Zamenhof tradukis diversajn famajn verkojn el la mondliteraturo kaj certe ne estas pura hazardo, ke li elektis ĉefe teatraĵojn, en kiuj la viva kaj vigla dialogo ludas gravan rolon. Per siaj majstraj tradukoj Zamenhof pruvis al siaj kontraŭuloj, ke lia lingvo povas esprimi ĉiujn delikatajn nuancojn de la homaj pensoj. Eble la tradukaĵoj, en kiuj la tradukanto precize devas reprodukti la ideojn de la originalaĵoj, pli multe kontribuis al la evoluo de la lingvo ol verkoj originalaj en kiuj la aŭtoro libere povas eviti eventualajn malfacilaĵojn. Se en Esperanto ekzistus nur originalaj verkoj, la literatura lingvo nenian estus akirinta la diversnacian ĉarmon, pri kiu ĝi nun povas fieri.

Por imponi ne-esperantistojn oni prefere tradukis majstroverkojn el la mondliteraturo kaj nur post la unua mondmilito oni komencis traduki ankaŭ verkojn de malgrandaj nacioj, kies kulturoj ĝis tiam estis malmulte konataj kaj Esperanto montriĝis taŭga helpilo por konigi al ni la literaturajn trezorojn de malgrandaj landoj, ĝis tiam neatingeblaj por ni.

La unuaj elstaraj verkistoj multe pliriĉigis la lingvon kaj la postmilitaj literaturistoj trovis vojon jam preparitan kaj pro tio pli kaj povis atenti la eblojn, entenatajn en la strukturo de la lingvo mem kaj en ĝia fleksebleco. La stilo fariĝis pli libera, pli internacia, pli individueca, kaj la lingvo pli taŭga por esprimi ĉiajn subtilajn nuancojn.

Legante bonstilajn verkojn oni baldaŭ konstatos, ke ekzistas granda diferenco inter la stilo de niaj klasikuloj kaj tiu, kiun uzas la nuntempaj verkistoj. En la daŭro de sia ekzisto Esperanto evoluis, sed tamen tiu evoluo okazis senskue kaj la ekesto de speciala literatura lingvo ne tro multe maltrankviligu nin. Ankaŭ en la naciaj lingvoj la lingvaĵo uzata en la ĉiutaga konversacio ja multe diferencas de la literatura lingvo. Tial, la literaturo estu por ni la ĉefa fonto.

*Antaŭ ne multe glitis, tra la paĝoj de pr*
*gazetoj, de tekstoj bonfide akceptitaj, kiel*
*ke Esperantaj gazetoj ĉerpas artikolojn el a*
*fieras— ke jam nia gazetaro atingis la ra*
*propraĵo, rigore gardante, sole por la ĝuo*
*rantistaro, kiam atentinda nombro da sami*
*helpoj kaj baroj, eĉ absoluta necbleco, send*
*ne ŝatas akcepti la ideon, ke ekzi*

Daŭre kaj sinsekve, dum tuta unu jaro, miaj kroniketoj fabele parolis al vi pri la mirindaj metamorfozoj de la naturo, en la bela sovaĝa medio de la fantazia arbaro, kie mi legas kaj legadas la interesajn artikolojn de nia gazetaro. Sed la rado de la tempo plenan turnon faris jam; kaj, denove en la komenco, deviga temo estas babili pri la frosto kaj la neĝo, kiel du karakterizaj trajtoj de la vintro, kiuj tamen estas ege malsimilaj: La frosto estas manko de varmo, sed la neĝo estas manko de koloro! Se oni konsideras, ke la vivo sen varmo pereas kaj velkas, oni tiam komprenos, kiel malĝoje aspektas nun la nudaj branĉoj, sen nestoj nek triloj; ankaŭ en la planko stagnis la vivo, la lacertoj dormas sian vintran dormon; dum la kunikletoj, ne jam tiel bonŝancaj, bezonas eliri, el siaj varmetaj kaŝejoj, por serĉi la nutron de taŭga herbeto, en foraj angulôj, kie la neĝo ne tro forte premis. Tie kaj tie regas kaj pompas la blanka koloro, kio egalas al monotona senkoloreco. La bestetoj, per rapidemaj paŝoj, lasas siajn piedsignojn, desegnante sur vastan kanvason la zigzagon de siaj vanaj esploroj. Kvankam, pro kataro, de mia nazo gutadas perletoj, mi emas rigardi la pejzaĝon, trans la vitro de mia fenestreto, kun okuloj de poeto-filozofo, ĉar bone mi scias, ke tiu virga kaj blanka tavolo ŝirmas kaj protektas la grundon, kie akumuliĝas jam nun la kreivaj fortoj, kiuj nur post kelkaj semajnoj eksplodos en formo de ĉarmaj printempaj burĝonoj. Diligenta kuriero, ŝarĝita de gazetoj, ankaŭ lasis la signojn de siaj botoj sur la ebenon de la neĝo, por povi akurate porti al mi la valoran ŝarĝon de bonaj legaĵoj, pri kiuj koncize jene mi rakontas al via atentemo:

Per du ekstremoj (Japanio kaj Usono) mi komencas. AMERIKA ESPERANTISTO, kun sia kutima tre loga eksteraĵo, prezentas trafajn artikolojn en angla lingvo; sed ne mankas, kompreneble, kronikoj, spritaĵoj kaj informoj en nia lingvo. Amuza studo, pri

# INTER LA PROZO DE LA

origino de vortoj, titolita «Kion ni manĝu» tiel komenciĝas: «Kiel la nomoj de niaj vestoj, ankaŭ la nomoj de niaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj montras, ke nia civilizo estas tutmonda. Ciuj kontinentoj alportis novajn vortojn al la lingvoj de okcidenta Eŭropo, kaj tiel al Esperanto.» Jen denove LA REVUO ORIENTA kun sia ekzotika, tre plaĉa, aspekto; kiel kutime, ĝi prezentas belajn pecojn de japana literaturo; nur pro tio, povi frandi legaĵojn, kiujn oni ne trovas en nia nacia lingvo, jam estas ega plezuro kaj fiero por nia esperantistiĝo. Treege skrupulaj kaj altrangaj estas la recenzoj pri libroj; nepre oni devas legi atente la rimarkojn de la japanaj samidea-

*Tre simpatia estas la rubriko pri korespondado, en ĉiuj Esperantaj gazetoj. Ne nur plaĉa tabel popolo kaj utila jako de vigla movado. Tamen... la elasta moralo, kiu nuntempe regas ĉie de tiuj rubrikoj. Neniam, kiel nun, svarmis tiel dense la ŝablonaj promesoj pri tuja, nepra, certa nun, estis pli nula la signifo de tiuj adjektivoj. Vere, por la gravuloj de nia movado, daŭre ke povas ŝajni banala la atento al tiuj anguloj de la Esperantaj gazetoj; sed spertaj kursgvidant malhonesta ago lasi sen respondo la esperplenan leteron, kiun unuan fojon sukcesis skribi, po kiu kalkulante la tagojn, sekvante en la penso la vojon de sia skribaĵo, atendas sopire karto tataŭ ol veni konfirmo de solidareco, venas disreviĝo, kiun liveras per sia silento la puninda*

*preskaŭ ĉiuj Esperantaj gazetoj, la severa komuniko, ke oni ofte konstatas la reaperon, en kelkaj tiel originalaj, ankaŭ en aliaj. Al tiu komuniko oni aldonis plian noton por esprimi la bedaŭron, el aliaj Esperantaj gazetoj. Legante tion, simplaj membroj el nia movado certe miras —aŭ iomete rangon de ordinara negoco, kies sanon ĝia mastro devas ja defendi per ĵaluza konservado de sia ĝuo de limigita legantaro, artikolojn kies diskonigado estas utila, kaj eĉ konvena, por la tuta espe-samideanoj ne povas pagi siajn abonojn por rekte ricevi eksterlandajn gazetojn, pro la grandaj mal-endi monon de lando al lando. Konstatinte tion, aliaj membroj —ne tiel simplaj— el nia movado, ekzistas pretendo, en la nuna tempo, starigi trustojn sub komerca marko de la verda stelo.*

noj, kiuj, eĉ pli ĝuste ol eŭropanoj, scias kompreni la kaŝitan sencon de multaj vortoj el la okcidenta familio. Sciu tiuj malproksimaj amikoj, ke iliajn klopodojn mi tre alte taksas. Revene en Eŭropo, mi prezentas novan titolon en mia rubriko. THE WORKER ESPERANTIST vigla organo de SAT en Britio, krom oportunaj anglalingvaj artikoloj, pro la esperanta enhavo vere ĝi estas

# LA ESPERANTISTA GAZETARO

literatura kajero por vasta publiko. Kelkaj ekonomiaj artikoloj estas sukoplenaj, kelkaj versaĵoj estas perloj pri kiuj povas envii eĉ plej aroganta lingvo nacia. En Nederlando, LA PRAKTIKO kaj HEROLDO DE ESPERANTO konkuras en la nobla vetkurado altigi la nivelon de la esperanta ĵurnalismo. Nur mi prenas kelkajn vortojn, el HEROLDO, kiuj certe havigos grandan ĝojon al ĉiuj hispanaj legantoj; jen do, kion la kara veterana gazeto diras: «Sed ni ankaŭ deziras, en 1950, liveri almenaŭ unu senpagan abonon al ĉiu Esperanto-Klubo en Hispanujo». Tiuj vortoj parolas per si mem pri la malavara kaj ĝentila sindonemo de tiu gazeto, kies

*-elo ĝi estas, sed ankaŭ vivoplena fluo de vera e la mondo, efikas videble ĉe la honesteco de la aŭ rapida respondo; sed ankaŭ neniam, kiel korespondante unu kun alia, pri temoj seriozaj, ntoj scias pri la danĝero, kiu estiĝas en la por meti en poŝtkeston, freŝbakita samideano, ton aŭ koverton de iu fora lando, ĝis fine, ans-a ulo, kiu ŝablone promesis rapidan respondon.*

dankindan proponon oni klarigos adekvate en la venonta numero de nia bulteno. La afero meritas tion!

De la najbara Francio venis du gazetoj: FRANCA ESPERANTISTO, kiu plene informas pri la Universala Kongreso en Parizo kaj dediĉas tutan paĝon al la supervidado de la esperantista gazetaro. Iomete mi miras, ke eĉ nek la nomo de nia Bulteno aperis en la revuado, ĉu okaze ĝi ne venis en la redaktejon? Mi ne scias, mi ne scias... Ornamo de alia paĝo estas la traduko de pensiga artikolo de elstara homaranisto Jaurés, unua viktimo de la unua mondmilito. En ESPERANTISTA LABORISTO aperas la represo de la tuta artikolo, pri la reformemo, aperinta en nia Bulteno; estas agrable konstati, ke ankaŭ eksterlande blovas iom da hispana aero. La *granda* MALGRANDA REVUO ankoraŭ pli alten rangigas sin per bonega studo pri Goethe, vera ĉarmaĵo, kaj alia tre interesa, pri esploristo Bering, de mia dana amiko P. Thorsen. Ĉar leginda de ĉiu serioza esperantisto, speciala artikolo de S-ro Engholm, pri la tradukado, mi *flaras*, estas represata en ĉi tiu sama numero de nia gazeto. Ĉu S-ro Engholm juĝe pledos kontraŭ ni pro tio? Ĉu okazos kverelo?

Ho, ne! nenia konflikto! Ĉar jam la luno, kvazaŭ ronda oblato, serene ornamas la blankan poemon de la vintra nokto, eĉ super la tegmentoj de domoj, kie la katoj defias la froston per siaj miaŭoj, vokante katinojn al amo, sub la mildaj radioj de tiu mem januara plenluno... Kaj, ĉie ajn, sankta estas ĉies amo por la tolerema filozofio de

LA LEGEMA KOBOLDETO

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## TESORERIA

BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1949

ENTRADAS

| | | |
|---|---|---|
| Cuotas de socios: año 1948 | 1.797'50 | |
| año 1949 | 4.240'50 | 6.038'— ptas. |
| Ingresos por Boletín | 388'25 | |
| Venta de insignias | 150'— | 538'25 » |
| Suman los ingresos | | 6.576'25 ptas. |

SALIDAS

| | | |
|---|---|---|
| Factura carnets para socios | 250'— | |
| » insignias | 384'— | 634'— ptas. |
| Material de Secretaría y Boletín | 774'25 | |
| Gastos de Secretaría | 367'05 | 1.141'30 » |
| Impresión del Boletín | 4.280'— | |
| Impresión de suplementos | 132'— | |
| Fajas y gastos de envío | 346'50 | 4.758'50 » |
| Suman los pagos | | 6.533'80 ptas. |
| Existencia en Tesorería | | 42'45 » |
| Igual a la suma de ingresos | | 6.576'25 ptas. |

Valencia a 31 de Diciembre de 1949

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

El Tesorero provisional,

V. BALLESTER

---

## SECRETARIA

Cumpliéndose los requisitos reglamentarios, por mayoría absoluta de votos de la casi totalidad de socios adheridos a esta Federación, ha sido elegida para el gobierno interior la siguiente

JUNTA DIRECTIVA

| | | | |
|---|---|---|---|
| Presidente | — D. Manuel Caplliure Ballester | — | Valencia |
| Vice-Presidente | — D. Federico Rivelles Giménez | — | Sevilla |
| Secretario | — D. Vicente Santamaría Lloréns | — | Valencia |
| Vice-Secretario | — D. Sebastián Chaler Arnau | — | Tarrasa |
| Tesorero | — D. Francisco Roglá Orrico | — | Valencia |
| Vocal 1.º | — D. Daniel Lloréns Sastre | — | Valencia |
| » 2.º | — D.ª María Casasnovas Jarreta | — | Zaragoza |
| » 3.º | — D. Miguel Ribas de Pina Vives | — | Santander |
| » 4.º | — D. Fernando Montserrat Boronat | — | Barcelona |

De acuerdo con las vigentes disposiciones legales, los antedichos señores tomarán posesión de sus cargos respectivos una vez que la Superioridad haya dado la debida conformidad a su nombramiento.

Valencia a 1 de Enero de 1950

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

El Secretario provisional,

V. SANTAMARIA

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● ESTADOS UNIDOS.—La Organización de las Naciones Unidas ya ha iniciado en sus publicaciones el uso del Esperanto. La Secretaría de la ONU ha solicitado de la «Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko» la traducción del texto de la «Declaración Universal de los Derechos del Hombre».

Desde el 1.º de Mayo de 1949 se está celebrando la I Olimpiada Esperantista de Ajedrez por correspondencia, con participación de 60 ajedrecistas de diez países.

En Milwaukee se ha introducido el Esperanto en las Escuelas Superiores; entre los estudiantes se cuentan más de 60 maestras, monjas de Comunidades Religiosas.

«National Education Association of the United States», en su serie de divulgación cultural, ha hecho una edición de 2.000 ejemplares del folleto «Esperanto-The World Interlanguage», muy útil para difundir la lengua internacional entre los maestros.

El señor Sean Oh Eideain, tercer secretario de la Legación de Irlanda en Washington, es un buen esperantista. Es ya frecuente encontrar entre el personal diplomático y consular personas conocedoras del Esperanto, como el señor John P. Robertson, vicecónsul de U. S. A. en El Cairo.

● ALEMANIA.—Con fondos del presupuesto municipal de Berlín-occidental, se ha organizado un curso de Esperanto para maestros, a fin de disponer de suficiente personal docente para la puesta en práctica de la escolaridad del Esperanto en los 7.º y 8.º grado de sus escuelas municipales.

La policía de Berlín-occidental ha constituído una sección Esperantista. Dirección: Esperanto Ligo Berlín-Polico-fako-Tenpitzerstrasse, 111, Berlín.

El Ministerio de Educación bávaro concedió 10.000 marcos de subvención con destino a la biblioteca de la Agrupación local, en München, de «Germana Esperanto-Asocio».

● BRASIL.—El Instituto «Santa Lucía» para ciegos, de Porto-Alegre, ha iniciado un curso de Esperanto. Se desea correspondencia por escritura Braille a la siguiente dirección: Av. Independencia, 850, PORTO-ALEGRE (Río Grande do Sul).

A la Exposición Filatélica Esperantista en Bauru (Sao Paulo), el Municipio concedió una subvención de 5.000 cruceiros.

En Río de Janeiro recientemente se ha rotulado una calle con el nombre de «Couto Fernandes», paladín del Esperanto en el Brasil.

● FRANCIA.—La Federación de Clubs de Acampamiento, en su reunión de 1949 en Fontainebleau, propuso el uso del Esperanto como lengua oficial.

● MARRUECOS FRANCES.—En «Courrier du Maroc» del 13 de Septiembre se publicó, por el señor G. Fradier, redactor en UNESCO, un artículo bajo el título «Un mundo, una lengua», a favor del Esperanto, como idioma auxiliar internacional.

● SUECIA.—En el número de Noviembre-Diciembre de «La Espero», se lee una relación de 25 periódicos suecos que publicaron en el trimestre Agosto-Septiembre artículos o noticias sobre el moviminto Esperantista.

● INGLATERRA.—«Across Frontiers», revista internacional pro un gobierno mundial, se edita en inglés y Esperanto. Dirección: 54, Baker street, LONDON W 1.

● ISRAEL.—En Octubre último tuvo lugar en Tel-Aviv, la 9.ª Asamblea de los esperantistas israelitas. Además de varias reuniones, hubieron juegos gimnásticos, veladas literarias y recreativas, en medio de un ambiente de simpatía y entusiasmo.

---

**El grande Homero no escribió en latín porque era griego, ni Virgilio no escribió en griego, porque era latino.**

**CERVANTES**

## VERA RAKONTETO

Antaŭ longe, mi havis amikon, lerta junulo, kiu profiteme studis leĝosciencon kaj instruadon. Poste, li konkuris en la Supera Lernejo por instruado kaj, inter multaj konkurintoj, li atingis la numeron 2.

Mi devas averti, ke unu el la ekzercoj pritraktis francan lingvon, parole kaj skribe; tial, kiam lia patro, post la sukceso, diris al li, ke la premio estos vizito al Parizo, lia ĝojo estis senlima, ĉar li ellernis la tiean lingvon laŭ maniero, kiel li ĵus pruvis, kaj tute sen embaraso li povos iri ĉien.

Sed, ho kia disreviĝo! Por esti komprenata de la francoj, tre ofte li devis elpoŝigi la notkajeron kaj skribi sur ĝin, kion li deziris aĉeti, manĝi, k. t. p.

Ĉu tio okazas ĉe la esperantistaro? Ne, tute ne! kaj tion mi konstatis, ĉar mi parolis kun angloj, francoj, germanoj, ĉeĥoj, japanoj, k. t. p. Malgraŭ mia mallerteco, ĉiujn mi bone komprenis kaj estis komprenata de ili.

Ĉu mirakło? Ne, sole nur la fakto, ke ĉiu esperantisto, el kiu ajn nacio, prononcas tiel klare, ke ĉiuj povas lin kompreni, eĉ la komencantoj.

E. TUDELA

---

## ANEKDOTOJ

Honesta ŝoforo redonis al ĝia posedanto paperujon, kiun li trovis en sia aŭtomobilo.

—Mi ne povis veni antaŭe, —li diris—, ĉar mi estis malsana.

—Estas same, estas same. Antaŭ unu semajno mi perdis la paperujon... Kvardek mil pesetoj, dum ok tagoj... Mi nur enspezos de vi tute laŭleĝan interezon... Mi supozas, ke vi restos kontenta... Ĉu?

---

Peĉjo—Allo! Ĉu la kolegio? Jes? Ĉi tie S-ro Petro Martin... Jes, nur por avizi vin, ke Peĉjo ne iros hodiaŭ tien, ĉar li suferas je koliko. Kion vi diras? Kun kiu vi parolas? Kun mia patro!...

## ĈU VI SCIAS, KE...?

...la infanoj, la plantoj kaj la bestoj kreskas pli rapide dum la nokto ol dum la tago.

---

...la pli fortaj bestoj estas tiuj, kiuj nur nutras sin per vegetaĵoj. Por pruvi tiun aserton la vegetaranoj diras, ke la leono estas pli kruelega ol forta, dum la taŭro, la ĉevalo, la rangifero, la elefanto, la antilopo kaj ĉiuj veraj fortaj bestoj estas herbomanĝantaj.

---

...en la Teranova duoninsulo oni ne trovas lacertojn, nek serpentojn, nek bufojn, nek aliajn reptiliojn.

---

...la homa voĉo povas prononci ĝis 206 vortojn ĉiuminute.

---

...la antikvaj grandaj urboj havis tiom da loĝantoj, proksimume, kiel la modernaj.

En Babilono la loĝantaro nombris du milionojn, en la tempo de Nebukadneĉar kaj Romo havis 2.500.000 enloĝantojn dum la II.a jarcento.

---

...la planto, kiu havas plej grandajn foliojn, estas palmo kreskanta ĉe la bordoj de la rivero Amazono. —Ĝiaj folioj estas 15 metroj longaj kaj 3 metroj larĝaj.

---

...la personoj, kiuj atingis la aĝon de tridek jaroj, ne suferintaj gravajn malsanojn, vivas, almenaŭ, sepdekkvin jarojn.

---

...la kokinoj metas pli da ovoj ol iam, kiam ili estas trijaraĝaj. —Oni povas kalkuli, ke mezgranda kokino produktas, proksimume, de 300 ĝis 500 ovojn dum sia vivo.

---

...ke la malaltaj personoj forlasas pli facile la varmon ol la altaj, kaj tial ili bezonas pli la varmigajn vestojn.

---

...la abelĉelaroj enhavas, proksimume, naŭ mil ĉelojn.

R. VIZCAINO

# LA KONSUMKOOPERADO KAJ LA EKONOMIA VIVO DE SVEDUJO

Tio estas la titolo de nova broŝuro eldonita de la sveda Koopera Federacio. Ĝi estas verkita de la direktoro de la Internacia Koopera Alianco, s-ro. Th. Odhe. La fama Esperantoverkisto Stellan Engholm faris la esperantan tradukon, kio estas garantio pri la bona stilo de la teksto. Ĝi ampleksas 20 paĝojn kaj estas tre bele ilustrita per multaj fotografaĵoj. Vi ricevos ĝin senpage: mendu ĉe KOOPERATIVA FEDERACIO, Stockholm XV (Svedujo).

---

**Al recibir folletos como éste, editado en Esperanto por Kooperativa Förbundet de Suecia, es cuando más se aquilata el alto papel cultural que el Esperanto significa en las relaciones humanas. De una de las naciones con reconocido adelanto en todos los aspectos de la civilización, podemos, por medio del Esperanto, capacitarnos— leyendo este folleto —del gran desarrollo que el movimiento cooperativista tiene en el país nórdico y la raigambre que allí ha adquirido.**

**El estilo impecable, con que se ha usado el Esperanto para la traducción del texto original, hace amena e instructiva la lectura de este folleto, que puede solicitarse gratuitamente según las señas antedichas.**

---

# "VALOR EDUCATIVO DEL ESPERANTO"

**En «Anales de Instrucción primaria» número 7, tomo XIII (Julio 1949, Montevideo), don Manuel Fernández Menéndez, entusiasta propagador del Esperanto en el culto Uruguay, publicó un artículo excelente, con el tema que refleja el título, destinado en primer lugar a los maestros e instructores. «La Bona Semisto», ha hecho en Septiembre de 1949 edición separada de dicho artículo, obsequio del cual recibimos del autor.**

**Como esperantistas, cuyo idioma nacional es el español, hemos de congratularnos que tal folleto esté publicado en nuestra lengua común con Sudamérica. Los objetivos puntos de vista, expuestos respecto a la utilidad del Esperanto, en un plan escolar de estudios, merecen la difusión por todo el mundo; y el dar el aldabonazo al personal docente es camino rápido para la difusión de nuestros ideales.**

**En resumen, expuesto en el propio folleto, estos puntos de vista son los siguientes:**

**1.º El Esperanto facilita el estudio de la lengua patria, influyendo de manera notable en el mejoramiento del lenguaje de los alumnos.**

**2.º El Esperanto es un excelente auxiliar para el estudio de las lenguas clásicas y modernas, y permite probar la capacidad de los alumnos para aprender idiomas.**

**3.º El estudio del Esperanto satisface ampliamente la tendencia natural del niño hacia la lógica y estimula esta facultad.**

**4.º La enseñanza del Esperanto contribuye en alto grado a desarrollar las facultades de observación y raciocinio.**

**5.º El uso del Esperanto contribuye a despertar el interés de los alumnos por los otros países, influyendo favorablemente en el estudio de la Geografía y la Historia Universal.**

**6.º El uso del Esperanto desarrolla en los alumnos sentimientos de simpatía y de fraternidad hacia los otros pueblos.**

**7.º El Esperanto contribuye en alto grado a ensanchar el espíritu y los sentimientos de los alumnos, ejerciendo en éstos una saludable influencia moral.**

**8.º El Esperanto permite mejorar la educación patriótica con los elementos de humanidad, armonizando el patriotismo con el humanismo.**

**J. BOSCH**

---

# KOMERCAJ LETEROJ

Eldonita de «The Esperanto Publishing Company, Ltd.» Prezo: 2 ŝil., afranko 2p. Aĉetebla: pogrande ĉe «The Esceperanto Publishing Co., Ltd., podetale ĉe enlanda libroservo aŭ ĉe U. E. A.

**Una nueva obra de «The Esperanto Publishing Company, Ltd», la conocida editorial de Rickmansworth (Inglaterra), ha llegado a nuestras manos; la excelente impresión y presentación del opúsculo no vamos a ensalzar, pues ya está dicho ello conociendo la forma cómo acostumbra hacerlo la casa editora.**

**Lo que sí queremos resaltar es el fondo práctico que «Komercaj leteroj» tiene por la conjunción de Esperanto aplicado al comercio; si para cualquier rama de actividad internacional, y ponemos por ejemplo la filatelia, ha demostrado «uso práctico» el Esperanto, el hombre de negocios que lleva en esencia una relación internacional— encuentra igualmente «uso práctico» del idioma auxiliar; y si todavía no lo encuentra en la escala amplia que corresponde, es sencillamente porque no se ha decidido el «businessman» por adoptar su uso.**

**«Komercaj leteroj» fomenta y tiende al uso del Esperanto en la práctica comercial.**

# ☆ LA LERNEJO

**Inauguramos en el presente número esta sección, dedicada a contestar las consultas de aquellos de nuestros lectores que están aprendiendo el Esperanto. Muchos de ellos, con un entusiasmo digno de los mayores elogios, lo están estudiando sin ningún profesor. Hay numerosos casos en los que un alumno, residente en una pequeña población, es el único esperantista de la localidad, y por tanto no tiene a nadie cerca, a quien poder consultar todas las dudas que se le presenten en el estudio de tan maravillosa lengua internacional. Vamos por tanto a dedicarnos, desde hoy, a llenar el hueco que estos samideanos habrán encontrado en nuestro Boletín.**

*A. P., de ARRECIFE.* — En Esperanto todas las palabras se acentúan en la penúltima sílaba, y la duda que tiene usted en las palabras *homoj* y *ankaŭ* se debe, probablemente, en la primera de las citadas palabras, a que Vd. considera la *j* (que se pronuncia igual que nuestra *y*) como vocal y no es vocal sino consonante. Para que el acento recayese en la segunda *o* debería escribirse *homoi* y en este caso sería una palabra de tres sílabas *ho-mo-i*, pero la palabra *homoj* se acentúa en la primera *o*, o sea *hómoj*. Y referente a la palabra *ankaŭ*, debe Vd. saber que precisamente el acento que lleva la *ŭ* es para que esta letra forme diptongo con la *a*; si no llevara dicho acento, sería una palabra de tres sílabas *an-ka-u*, pero tiene solamente dos sílabas y por tanto se acentúa la primera *a* y se dice *ánkaŭ*. Le felicitamos muy sinceramente, puesto que, a pesar de estar comenzando, ya nos ha escrito Vd. una carta totalmente en Esperanto, que está muy bien.

*J. M., de PUZOL.*—Uno de los alardes de genio de Zamenhof fué la invención de los sufijos *ig* e *iĝ*. Empleando la primera partícula, convertimos un verbo intransitivo en transitivo. Verbo intransitivo es aquel en que su acción recae sobre el mismo sujeto. Por ejemplo: *halti,* detenerse. *Mi haltas,*yo me detengo. Verbo transitivo es aquel en que la acción del verbo recae sobre otro (cosa, persona o animal). Ejemplo: *rompi,* romper. *Li rompis la glason,* él rompió el vaso. Pues bien, con los referidos sufijos, podemos convertir, el primer verbo en transitivo utilizando el sufijo *ig*. Ej.: *Li haltigas la aŭtomobilon,* él detiene el automóvil. Y el segundo verbo lo convertimos en intransitivo haciendo uso del sufijo *iĝ*. Ejemplo: *La glaso rompiĝis,* el vaso se rompió.

JUAN BOSCH



ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

DR. E. TUDELA.—Ruzafa, 43. Valencia. Dez. koresp. kun ĉiulandanoj pri div. temoj. Respondo garantiata.

ANTONIO PASTOR. Ercilla, 49, 5.º, Bilbao (Hispanio). Dez. interŝ. il. pkt. eksterlande. Certa respondo.



La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | |
|---|---|---|
| Socio de número ... | 12 ptas. | anuales |
| Socio abonado.. ... | 25 » | » |
| Socio protector... ... | 50 » | » |

Las dos últimas categorías dan derecho a la recepción de nuestro Boletín.

**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**

## PARA NUESTRO BOLETIN

**1.ª lista de donativos (ENERO 1950)**

| | |
|---|---|
| L. Santamarina (Madrid) ... ... ... | 15 ptas. |
| Etulo (Sevilla) .. ... ... ... ... ... | 10 » |
| Juan Bosch (Valencia) ... ... ... ... | 10 » |
| Luis Hernández (Valencia) ... ... ... | 5 » |
| Ernesto Hurtado (Valencia) ... ... ... | 5 » |
| Vicente Santamaría (Valencia) ... ... | 5 » |
| Total ... ... ... | 50 ptas. |

**¡SAMIDEANO! Si de veras deseas que el aumento de páginas de nuestro Boletín perdure, procura que esta columna sea consistente. La lista sigue abierta.**